APETo

revuo

# Babilanto

INFORMILO DE AGADO POR LA PROGRESIGO DE ESPERANTO EN TOGOLANDO

n-ro 10 januaro – marto 2015



**K**araj legantoj,

La jaro 2014 estas nun malantaŭ ni: la aktivaĵoj rekomenciĝas laŭ kutimaj ritmoj... Flanke de Togolando, ne estas tempo ripozi, kun la esplorvojaĝo al Kpalime kune kun s-ino Grosjean Mireille en la lertigejo INFA de Tove, ideala kadro por internacia renkontiĝo.

Eble vi deziras legi libron aŭ spekti filmon en Esperanto de afrika aŭtoro. La demando kiu tiam leviĝas estas, ĉu ekzistas kaj kie trovi ilin. Mi do proponas en tiu ĉi numero mallongan superrigardon pri la lastaj aperintaj artaĵoj, por ebligi al vi, kio ajn estas viaj gustoj, trovi ion kio povos konveni por vi.

Estas tuta pasinteco kiu ŝprucis, kiam mi sciiĝis pri la morto de Hans Bakker. Oni vere mortas nur kiam oni estas forgesita kaj en la redaktejo de "Babilanto" mi konvinkiĝas, ke tiu fame konata esperantisto ne forlasos la memoron de pli ol unu en Afriko, ĉar la kontinento ŝuldas al li multon pli ol tio. Mi omaĝas al li en tiu ĉi numero per la versoj de ĉino Wu Guojiang.

**[Aĝevi Aĝe]**

*Chers lecteurs,*

*L'année 2014 est maintenant derrière nous: les activités reprennent leurs niveaux habituels... Coté Togo, pas le temps de s'ennuyer, avec la prospection à Kpalimé ensemble avec Madame Grosjean Mireille au centre INFA de Tove, un cadre idéal pour un évènement international.*

*Peut être vous avez envie de lire un livre ou regarder un film en Espéranto d'un auteur africain. Le problème qui se pose alors est de savoir s'il en existe et où les trouver. Je vous propose donc dans ce numéro un rapide tour d'horizon sur les dernières parutions, pour vous permettre, quels que soient vos gouts, de trouver quelque chose qui peut être vous conviendra.*

*C'est tout un passé heureux qui a surgi quand j'ai appris le décès de Hans Bakker. On ne meurt vraiment que lorsqu'on est oublié et à la rédaction de "Babilanto" je suis convaincu que cet illustre espérantiste ne quittera pas la mémoire de plus d'un en Afrique parce que le continent lui doit bien plus que cela. Je lui rends hommage dans ce numéro par les vers du Chinois Wu Guojiang*

***Adjévi Adjé***

## Burundo: organizanto de la 6a Afrika Kongreso de Esperanto en 2016

*"ANEB, landa asocio en Burundo, estis elektita por la organizo de la sesa Afrika Kongreso de Esperanto (AKE). Neniu embaraso pri tiu decido flanke de la Afrika Komisiono des pli, ĉar kiel unu el la plej aktivaj landaj asocioj nun en Afriko, ANEB estis la ununura kandidato por inviti la kongreson post la retiriĝo de DKEA pro elektoj en DR Kongolando en la kongresa jaro"*, anoncis la Afrika Komisiono de UEA.

Laŭ s-ro Stefan MacGill, vicprezidanto de UEA: *"la decido de la Afrika Komisiono okazigi la kongreson en Burundo estas gratulinda. Bonas vidi, ke Afrikaj Kongresoj de Esperanto nun reprenis ian regulan ritmon"*. Li plue indikas: *"tiu kongreso espereble fiksos dujaran ritmon por AKE, post ege longa paŭzo inter la 4-a kaj la 5-a. La kongresa urbo ankoraŭ ne estas anoncita, sed diveneble Rumonge. Tripersona kontakta teamo, (provizora LKK), ekstariĝis kaj komencis labori kun la Afrika Komisiono, kadre de la preparlaboroj"*. Ĝia kontakta adreso estas: ake2016-en-burundo@googlegroups.com

*"La Burunda Esperanto-asocio kreiĝis en 2005 kaj estis oficiale agnoskita en septembro 2006. Ĝia celo estas kunigi ĉiujn esperantistojn kaj helpi al la disvastigo de Esperanto en la lando. Ĝi aliĝis al UEA en 2008, kaj nun ĝi havas junularan sekcion kaj porinstruistan sekcion"*, tiel sin esprimis s-ro SABIYUMVA Jérémie, la nuna prezidanto de ANEB.




Estas konstanta problemo en Esperanto-movado, ke ne ĉiuj, kiuj volas renkonti samideanojn en kongresoj kaj per vizitoj, povas tion fari. Tiu problemo, ekzemple, konstante malhelpas ke UKoj estas vere universalaj. Kaj nun ankaŭ en Afriko ekzistas kaŭzoj, ke Afrikaj Kongresoj ne estas plene Afrikaj, pro neebleco alvojaĝi el malproksimaj landoj. Tamen estas espero, ke la sesa AKE kunigos multe pli da esperantistoj el najbaraj kaj eĉ el foraj landoj, ne nur pro tio, ke ĉifoje la afero anonciĝas sufiĉe frue, sed ankaŭ kaj danke al solidareco de esperantistoj alikontinentaj.

Niaj burundaj samideanoj sentas sin jam pretaj pri la kongresa organiza laboro, kvankvam la tasko ne estas facila. Ili ja havas argumentojn kaj spertojn valorigi tiurilate: *"la aranĝo de la 6a Afrika Kongreso de Esperanto estas giganta projekto, sed ni ne timas pri la laboro. Ni jam organizis du landajn kongresojn kaj multajn seminariojn, en kiuj ankaŭ eksterlandanoj partoprenis. Tiuj spertoj trankviligas nin kaj ni esperas ke ni sukcesos organizi la sesan AKE kaj ke niaj samideanoj el foraj kaj proksimaj regionoj havos okazon multnombre ĝin partopreni"*.

Nun la Afrika Komisiono havas unu tre urĝan, ardan petegon al vi: bonvolu helpi nin per donaco al la konto "Afriko" de UEA kun la indiko "por la 6-a AKE". Se vi pagas dum la UK, simple trovu la kasiston de UEA en la kongresejo. Alie, sekvu la instrukciojn el la paĝoj 37-a kaj 38-a de la jarlibro.

Viaj mondonacoj al la konto "Afriko" estas ege pli bezonataj por partoprenigo de tiom multe da afrikanoj kiom eblos por ebligi al ili praktike uzi la lingvon, amikiĝi, kuraĝigi unu la alian, movadumi dum plena semajno.

**Afrika Komisiono de UEA:**
**La Kunordiganto**

# Sepa AMO-seminario: epopeo finiĝis, alia komenciĝas




La sepa seminario Aktivula Maturigo AMO7 okazis en Lomeo, Togolando, kun 29 partoprenantoj el Benino, Ebura Bordo, Niĝerlando, Togolando kaj Svislando, de la 26-a ĝis la 29-a de dec 2014.

Malferme, parolis Apelete AGBOLO, estro de la nacia Komitato de Unuiĝo Togolanda por Esperanto (UTE), Adjévi ADJE, kunordiganto de Afrika Komisiono de UEA kaj ĉefa organizanto de la evento. Alvenis Kokou E. ATTAGLO, la nove elektita prezidanto de UTE kaj li bonvenigis ankaŭ la partoprenantojn. Poste laŭtlegiĝis salutmesaĝoj de Stefan Mac Gill, vicprezidanto de UEA kaj respondeculo pri la programo AMO, de LEE Jungkee, estrarano de UEA pri Afriko, de Renato Corsetti , eks-prezidanto de UEA kaj konsilanto de Afrika Komisiono, de Jean CODJO, vickunordiganto de Afrika Komisiono de UEA. Dume, Mireille Grosjean faris tradukan laboron al la ĵurnalistoj ĉeestantaj.

La aktivaĵoj mem komenciĝis tuj post la foriro de la amaskomunikiloj per prezento de Mireille Grosjean pri Unuiĝintaj Nacioj per multaj fotoj. Poste la partoprenantoj ricevis taskon por solvi en grupoj: *kiel prepari sin al kunveno kun ĵurnalisto aŭ moŝtulo?* Mireille ankaŭ en aliaj tagoj prelegis pri la tutmonda movada strukturo, agadoj lige kun Unesko, prelego kiun ŝi finis per grupa tasko-dono: *kiujn rimedojn oni havas por informi pri Esperanto?*

Posttagmeze Apelete Agbolo gvidis la partoprenantojn pri konstruo de retejo. 8 komputiloj estis je dispono, same projekciilo kaj ekrano; konsekvence ĉiuj povis en etaj grupoj sekvi la malkovron de la programo «web page maker». Tuj ĉiuj improvizis, kreante amuzajn paĝojn per tiu tre simpla ilo.



Preleganto Adjévi Adjé prezentis la strukturon de UEA en rilato kun la kontinentaj komisionoj kaj prezentis la laboron de la Afrika Komisiono, klare kaj detale. Demandoj venis, respondoj kontentigis la demandintojn.

Siavice, preleganto AFANTCHAO BIAKOU Yao vigle kaj amuze prezentis pri: *Kiel krei kaj mastrumi klubon kaj asocion*. Li kaptis la atenton de la partoprenantoj, laborigis ilin en grupoj. Rezulto tuj vidiĝis sur ekrano per projekciilo okaze de sinteza fina parto. Leĝaj aspektoj de agnosko de asocio, kreo de statuto, neceso de interna regularo, taskodivido ene de asocio…

Preleganto Antoine Kouassi Kouablan prezentis la Cseh-metodon. Multajn notojn faris la partoprenantoj.

Entute okazis 8 prelegoj, multaj laborgrupoj, praktikaj ekzercoj, rekomendoj al UEA kaj la tuto okazis en la baza komenca ideo kaj intenco de AMO. La rilatoj inter ĉiuj partoprenantoj estis bonaj, aŭdiĝis kantoj, ŝercoj, registrado de pluraj intervjuoj por 4 naciaj amaskomunikiloj kaj por Muzaiko. Ĉiuj taksis la organizadon bonega kaj manĝojn bongustaj kaj montris grandan ĝojon ĉe la fino kun promeso utiligi la sciojn kaj spertojn akiritajn utile en siaj respektivaj kluboj kaj landaj asocioj.

Afrika Komisiono kaj togolandaj esperantistoj dankis ĉiujn pro la partopreno kaj esprimis grandan dankon al trejnintoj kaj al ĉiuj kies klopodoj igis sukcesa tiun unuan afrikan seminarion pri Aktivula Maturigo, nome UEA, Eŭropaj kaj ĉefe Aziaj samideanoj, kiuj sendis financajn subtenojn. Multan dankon ankaŭ al s-ino Grosjean Mireille kaj al ĉiuj niaj afrikaj samideanoj kiuj venis de diversaj lokoj kaj landoj.

Estas deziro, ke AMO-seminario povu okazi en Afriko ĉiujare, kaj jam propono por 2015 pri DR Kongo iris al la estraro de UEA, kiu lastatempe akceptis ĝin. Same imageblas seminario ĉiujare en Azio kaj Ameriko – kaj iam – eĉ en Oceanio.

**EDAH Kingslim Kossi Gadoufia**

## Mireille Grosjean vizitis Togolandon

Vizitis Togolandon s-ino Grosjean Mireille, prezidantino de la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI) de la 26a de decembro 2014 ĝis la 7a de januaro 2015.

Dum sia restado en Togolando, Mireille ne nur prelegis dum 3 tagoj apud kvar aliaj afrikaj fortoj kadre de la sepa AMO-seminario de UEA en Lomeo. Ŝi ankaŭ vizite al la lernejo Instituto Zamenhof renkontiĝis, konatiĝis kun ties funkciuloj kaj revidis sian amikon Gbeglo Koffi. Ekzemple, ŝi ankaŭ ĉeestis lingvan kurson sub gvido de Gbeglo Dzifa kaj tiam viglavoĉe babilis kun li, ĉar li kandidatis por membrigo en la Internacia Rajtigita Ekzamenantaro (IRE).

Mireille ne venis kiel ILEI-prezidantino, sed kompreneble, ĉar ni pensis ke tio povis helpi al la togolanda movado, ni aranĝis renkontiĝon por ŝi kun la sekretario de la nacia komisiono por UNESKO, kun la direktoro pri enlanda turismo, prezidanto de la asocioj kaj kluboj en rekta ligo kun Unesko, kun iuj ĵurnalistoj al kiuj ŝi abunde donis intervjuon dum AMO-seminario.

Nia gastino vizitis ankaŭ la urbon de Kpalime por UEA, kie granda evento povus okazi, nordokcidente de Togolando. Tie ŝi, Attaglo Kokou, Agbolo Apelete kaj Adjévi Adjé havis gvidon tra la lertigejo INFA de Tove kaj ŝi bonvole respondis demandojn de la direktoro, kiu vere montriĝis, gastema, malferma kaj ŝercema. Mireille Grosjean multe fotis la vizitejon, fotoj kiuj nun kuŝas en ŝia novaĵblogo:



www.mirejo3.blogspot.com/2015/01/infa-de-tove-kpalime-togo.html

Mireille gastis kaj loĝis en la hejmo en Nukafu, al kies mastrumanto ŝi malavare donacis materialojn pri siaj laboraĵoj en rilato kun siaj interlingvistikaj studoj en la universitato Adam Mickiewicz (UAM) en Poznan, Pollando 2011-2014, kaj aliajn bildmaterialojn. Dankon Mireille !

# Konganoj rolludas en E-filmo pri infanaj rajtoj

Jes, ekzistas en la vasta Esperantujo multaj filmoj, sed tiu ĉi kun la titolo "Infanaj rajtoj" estas la plej freŝdate farita en Afriko de konga esperantisto Jeremie Kahindo Jacques. Parto de la produktaĵo spekteblas en la reto per: [https://www.youtube.com/watch?v=ebgOooiMdD4](https://www.youtube.com/watch?v=ebgOooiMdD4)

"Infanaj rajtoj" rakontas historion de brila kaj ĉarma knabino, kiu devis plusuferi je perfortoj fare de la gepatroj kaj de la socio. Tiuj ĉi, ĉu konscie, ĉu nekonscie klopodas malvalorigi la knabinon favore al knabo al kiu oni ŝajnas permesi ĉion en la socio. Dume, oni daŭre rifuzas al la knabino viziti lernejon kun preteksto, ke ŝi nur edziniĝos, kaj ŝia devo estos prizorgi la hejmon kaj infanojn.

Tiu 26 minuta filmo vere elstarigas daŭran sintenon en Afriko pri virinoj, kiel la socio traktas kun ili en la ĉiutaga vivo. Ĉu oni havas pli da toleremo al pensmanieroj, vivmanieroj de virinoj? Kiel oni traktas kun aliuloj aŭ ankoraŭ kun infanoj? Ĉu iliaj opinioj, deziroj havas ian valoron antaŭ la vidpunktoj de plenkreskuloj? Ĉu oni emas altrudi sian volon, deziron al aliaj simple ĉar tiuj ĉi estas malpli aĝaj, malfortaj, malpotencaj ?

Por resumi mian impreson pri la filmo "Infanaj rajtoj" mi diras, ke laboro estis farita, sed ĝi estas ankoraŭ plibonigebla, ĉar multaj lingvaj malglataĵoj kuŝas en la produktaĵo, kiu mem estas farita per ne sufiĉe bonkvalita ilaro. Sed esence temas pri reklamo kaj eble kun pli da strategiaj klopodoj eblas kapti la atenton de la ĝenerala publiko.

Membroj de mia Esperanto-rondo en Lomeo, Togolando, spektis la tutan filmon en unu el niaj regulaj kunvenoj, kaj tio donis ideon pluplani por ŝirmi la infanojn kontraŭ la perfortoj. Eble la filmo kaptos vian atenton, aŭ vi volonte ŝatus kontribui al fondo de fako ene de la afrika movado, kiu prizorgos pri infanaj rajtoj aŭ vi simple dezirus subteni la filmfarinton, kiu simple bezonas vivteni sin.

Jen bonvolu mendi por spekti la tutan filmon. Ĝi mendeblas ĉe Sat-Amikaro en Francio, aŭ rekte per retmesaĝo al <jeremiahrufigi@live.fr> La DVD kostas 10 eŭroj. Plia diskonigo de tiu teksto ankaŭ bonvenas.

**Adjévi Adjé**




## Bonvolu aliĝi!

Por legi la plej freŝajn artikolojn pri Esperanto en Togolando, necesas skribi mesaĝon al: [togolandaj-esperantistoj@yahoogroupes.fr](mailto:togolandaj-esperantistoj@yahoogroupes.fr)

**Bonvolu aliĝi - UTE bezonas vin!**

# 22a Togolanda E-Kongreso okazis




Por la tria fojo sinsekve la Togolanda Esperanto Kongreso (TEK) okazis en Instituto Zamenhof (IZo), Lomeo. La dato de la 22-a estis de la 19-a ĝis la 20-a de decembro 2014.

La ĉeftemo estis: "Konsciiĝo en la uzado de Esperanto". La tema prelegantо per projekciita prezento priskribis per argumentoj drastan kaj vivan bildon pri la neceso de nacia kongreso, la graveco de la kongresa temo en la nuna etapo de la vivo de la landa asocio (UTE), konsciigo pri tio, ke la kerno de la asocia vivo ja estas homoj, ĉar sen homoj asocio ne povas ekzisti. La gekongresanoj atentemaj lernis ankaŭ pri la idealo de Esperanto, kiun ĉiuj devas alpreni por sia propra bono, por la bono de aliuloj kaj por la bono de la landa movado. La prelego finiĝis per prezento de kelkaj statistikoj kaj diagnozo pri la fortaj kaj malfortaj punktoj de la landa asocio por propono de eblaj solvoj kaj strategio al plena rekonstruo de UTE.

Ĝenerale, la kongresaj laboroj disvolviĝis en bona etoso, kvankvam rimarkita estis forta partopreno de gelernantoj de IZo kaj foresto de malnovaj esperantistoj. La aktivaĵoj kroniĝis post tagmanĝo per la renovigo de la membroj de la gvidorganoj de UTE.

Por la oficiperiodo 2014-2016 la sorto de UTE estas en la manoj de s-roj Attaglo E. Kokou, ĝia prezidanto (plenuma organo), Agbolo A. Didier, estro de la nacia komitato (supera organo) kaj s-ro KEDE GADJI k. Hézékiè, prezidanto de la Junulara Organizo de Togolandaj Esperantistoj - junulara sekcio.

**A.A**

# Afrikaj semoj por la verda kulturo…




"Nova libro eldoniĝis el Afriko sed ĝi estis presita en Koreio. La kunordiganto de la Afrika Komisiono de UEA s-ro Adjevi Adje verkis la libron *'Afrikaj proverboj'*, en tiu libro troviĝas ĉ.500 afrikaj proverboj. Oni diras, ke tra proverboj oni povas renkonti ian profundan ideon de la popolo pli ol per perfekta lingva konado de tiu nacia lingvo. S-ro Adjevi senavare deklaris, ke la tuta sumo de la vendota libro iros al la «Kapitalo Afriko» de UEA.

Kiel estrarano de UEA pri Afrika movado, mi esprimas mian profundan dankon al Adjevi kaj la projekto certe helpos al la movado de Afriko. Mi petas vian kunlaboron. Vi povas aĉeti ĝin tra UEA, Seula Esperanto-Kulturcentro. Ĝia prezo estas 5 Eŭroj (sendkosto neinkluzivita)".

**LEE Jungkee**

"Ja temas pri tre bela, ĝojiga novaĵo. Fakte temas pri taŭga por montri en Lille al la Unesko-oficistoj, ĉar bona ekzemplo de tio kion animas nia mirinda fenomeno, nome ke afrika esperantulo tradukis proverbojn el la kulturoj de tiu mondoparto, kaj ke la libro eldoniĝis en Koreio, kunlabore celanta plurkulturan publikon… Temas kvazaŭ pri resumo de la Uneska esenco…"

**José Antonio**

"Nia samideano Jungkee ankoraŭfoje alportas grandan subtenon al Afriko per la eldono de tiu ĉi mia libreto en lia lando. Mi esperas, ke la libreto iel helpos al ĉiuj, kiuj tralegos ĝin kompreni aŭ havi ideon pri afrika saĝo. Mi tre ĝojas ekscii, ke nun kune oni streĉas la fortojn por disvendi la libron en Azio kaj en la reto. Vi povas rekomendi ĝin al konatoj aŭ donaci ĝian ekzempleron al viaj rondanoj, ekzemple, okaze de la naskiĝtago de Zamenhof (ankaŭ Tago de Esperanto -literaturo). Dankon al ĉiuj pri la kunlaboro".

**Adjévi Adjé**

"Kia bona ideo! Esprimi vian dankon al amikoj, sendante vian kompilon de afrikaj proverboj, estas tre taŭga, kaj imitinda faro. Mi trarigardis ĝin, kaj, iom post iom, pli profunde studos ĉi tiun afrikan saĝon. Dankon al vi.

Dezirante al vi ankoraŭ pli da progresoj en la nova jaro 2015, mi sendas amikan saluton".

**Jeanne Marie**

"Mi opinias ke la proverboj ne rilatas pri kutima kompreno sed pri "metafora" kompreno. Do, laŭ mi, klarigoj ne ĉiam helpas. Iom post iom, oni povas mem trovi pli kaj pli fajnan sencon".

**Marie Savary**




Hodiaŭ en la 31-a de decembro, 2014 mi kaj prezidanto de Korea Esperanto-Asocio prof.LEE Young-koo vizitis UNESKO-n por donaci la libron 'Afrikaj Proverboj', kiu estis presita en Koreio laste por afrika movado. En la kunsido ni diskutis pri estonta kunlaboro inter Unesko kaj UEA/KEA, precipe por afrika movado.

**LEE Jungkee**



*Aujourd'hui, le 31 Décembre 2014, moi et le président de l'Association coréenne d'espéranto (KEA), le professeur LEE Young-koo, avons rendu visite à l'UNESCO pour donner le livre "Proverbes africains» qui a été récemment imprimé en Corée pour le mouvement africain. Lors de la rencontre, nous avons discuté de la coopération future entre l'UNESCO et l'UEA / KEA, en particulier pour le mouvement africain.*

*Traduction*
**Henri Masson**

## Togolanda voĉo aŭdiĝas ĉe Muzaiko!

La programero "Adjé Adjévi pri politiko en Togolando" estis enmetita ĉe Muzaiko por la 6-a de februaro 2015. Ĝi unue aŭdiĝis inter la 6-a kaj 6-a kaj 30 horoj laŭ UTC, kaj poste ripetiĝis ĉiujn 3 horojn dum la tago kiel kutime. Plue, oni povas legi pli kaj estontece rekte aŭskulti la programeron kiam ajn per la jena ligilo:
http://muzaiko.info/programdetaloj?id=724

**Veronika kaj la teamo de Muzaiko**

# Ĉu IJK saltos Afriken en 2017 ?

Lukasz Zebrowski, prezidanto de la Tutmonda Esperantista Junulara Organizo (TEJO) vizitis Burundon komence de februaro 2015. Lia veno al Afriko i.a celis transdonon de kolektitaj materialoj kiel komputiloj kaj televidilo far TEJO por la burunda asocio kaj esploron pri farebleco de la Internacia Junulara Kongreso (IJK) en tiu lando.

17 buĵumburaj gejunuloj, el kiuj estis la prezidanto, kasisto kaj vic-kasisto de la landa asocio ANEB bonvenigis s-ro Łukasz en varma gastamo ĉe la flughaveno. Venis ankaŭ renkonte al la gasto Philoté, esperantisto kiu nun laboras ĉe la flughaveno. La akcepto okazis ĉe la muzeo de Buĵumburo kaj tie ambaŭ prezidantoj de ANEB kaj JEBUO (junulara sekcio) bonvenigis kaj prezentis respektive la du organizojn al la vizitanto. La saman tagon, ili vizitigis la gaston al du hoteloj proksime de la ebla IJK-ejo. La vizito kondukis ilin ĉiujn poste al la junulara centro de Kamenge, kie interparolo okazis kun la centro-estro, kiu mem favoras al la instruado de la internacia lingvo en la centro.

Postan tagon, kaj la gasto kaj la gastigantoj vizitis kune la ejon por la IJK, loko kiu ege plaĉis al la prezidanto de TEJO, ĉar ĝi enhavas ĉion, kio necesas por internacia kongreso. La ejo havas sufiĉan komforton kun bazaj bezonaĵoj kaj ĝi estas malmulte-kosta. La prezidanto profitis ankaŭ la okazon ĉeesti lingvan kurson en Buĵumbura E-Klubo sub la gvido de s-ro Mlossi, la prezidanto de JEBUO. Vojaĝo al Rumonge, kie fin-konstruiĝis Esperanto-domo, same oportuno varbi kaj instrui la lingvon al novaj interesitoj ne mankis. En la domo estis aktivemaj esperantistoj, kaj ĉiuj kune interalie spektis filmon pri IJK organizado.


Kelkaj ANEB-membroj, kiuj venis renkonte al Lukasz

Demandoj leviĝis pri bezono de lernomaterialoj flanke de la vizitatoj kaj la prezidanto de ANEB promesis klopodi iel aranĝi. Siavice la prezidanto de TEJO starigis demandojn pri foresto de virinoj en la burunda movado. Laŭ interŝanĝoj kun la ĉeestantaj virinoj, ili ŝajne havas intereson pri Esperanto kaj pri partopreno en socia vivo ĝenerale, sed maloftas tiuj el ili kiuj kuraĝe elpaŝas publike pro daŭra tradicia influo. Eble la okazigo de IJK en Burundo multe kontribuos pozitive al tiu virina sinteno en la movado.

Afrika Komisiono de UEA kaj la tuta afrika esperantistaro forte esperas, ke IJK okazos en Afriko baldaŭ. ILEI Konferenco jam okazis en Benino, Porto Novo, en 2008. IJK neniam ankoraŭ okazis sur la kontinento, same UK. Eble 2017 estos la bona jaro kaj Afriko jam pretas labori tiucele kunlabore kun TEJO por kune realigi tiun internacian renkontiĝon unuafoje sur la kontinento.

**(SABIYUMVA Jérémie)**

# Francino Anne Larive en Togolando



Sinjorino Anne Larive el Francio vizitas Togolandon. La 16-an de januaro 2015 ŝi vizitis mian hejmon, kie ŝi transdonis, nome de francaj geamikoj la franc-lingvan libron "Plaidoyer pour l' altruisme" kaj aliajn materialojn pri kiuj mi multe dankas. La libro de Matthieu ŝajnas interesega kaj rekomendinda por ĉiuj pacagantoj kaj mi mem iom post iom lege voras ĝin, laŭ mezure, kiel pasas tempo.

Kun Anne okazis interparolo ĉirkaŭ horon pri novaj esperoj, deziroj provi novajn aferojn kaj ankaŭ pri Esperanto ĝenerale en la ĝardeno de la domo. Tie venis ankaŭ esperantisto Koffitche Koufionou, kiu tiam vizitis la domon por ricevi fotojn de la sepa AMO-seminario kaj triope la babilado plu-okazis. Poste li devis akompani la gastinon al la lernejo Instituto Zamenhof, kie ŝi renkontiĝis kun tieaj lernejaj administrantoj por transdono de donacoj.

Anne dum la komenco de la ĵus pasinta jaro partoprenis kaj lernis Esperanton tra Nomad'Kurso, kune kun aliaj 11 samlandanoj kaj 4 afrikanoj. Nun ŝi denove gastas en Togolando ĝis la komenco de marto por doni lertigadon pri ŝorbet-farado, kadre de kunlaboro inter NRo STEJ kaj ŝi dank'al Esperanto en la urbo Kpalimé.

Dum sia restado en Togolando, Anne volonte saltas tempon al tempo al Lomeo por ĉeesti, jen en lingva kurso, jen en aktivaĵo lige kun sia profesio.

Por memorigi la naskiĝtagon de Zamenhof, geesperantistoj kaj amikoj kunvenis la 14-an de decembro en Lomeo. Ili estis entute 15 personoj, kiel dum la pasinta jaro.

Prelegoj vere ne okazis, sed anstataŭe kelkaj kuraĝigaj paroloj de e-isto Kouevigan Koffi pri la neceso daŭrigi la tradicion pri la Tago de Zamenhof en Togolando kaj aparte sine de nia rondo. Sekvis instigaj kaj invitaj vortoj de s-ro Agbolo Apelete al ĉiuj ĉeestantoj pri la 22-a nacia Esperanto-kongreso, kiu disvolviĝos la 20-an en IZo. Adjévi fermis la serion de unuopaj paroloj per utilaj kaj sciendaj informoj pri la sepa AMO-seminario de UEA.

La dioj de interreto verŝajne estis kun ni, tiel ke ĉiu el la partoprenantoj siavice povis perskajpe konversacii dum minutoj kun e-isto respektive en Francujo kaj Usono en konforta kondiĉo sen neniu teknika problemo, kio subite kaj neatendite agrable ĝuigis pli ol unu, ĉar en Togolando ĝenerale la retkonekto estas en mezbona kvalito.

La emocio kaj entuziasmo de ĉiuj leviĝis al ia kulmino dum la kunmanĝo kaj karaokeo. La etoso estis mirinde kunfratiga, bonega kaj ni ĉiuj pasigis kunkune tre agrablan kaj ne forgeseblan kunestadon.

# Lufimpu Lukolama Victor: « indas kriza komitato por relanĉo de DKEA »

**Lufimpu Lukolama Victor, vicprezidanto de la DR konga asocio, nun studanta en la Universitato Adam Michiewicz (UAM) Poznan, Pollando, prezentas sian senton pri la Esperanto-movado en sia patrolando, ĝiajn ĉefajn projektojn kaj problemojn.**



***Ĉu vi bonvolas prezenti vin ?***

Mi estas Victor Lufimpu Lukolama, vicprezidanto de DKEA. Mi naskiĝis en DR Kongo, precize en Lukala, la 27-an de julio 1961, diplomito pri agronomio en 1985. Mi fariĝis en 1996 policisto nun kun grado de leŭtenanto, esperantistiĝis en 1981 en Lukala. Mia instruisto estis s-ro Ngangu Bakidila Samuel kaj helpis min ankaŭ s-ro Hans Bakker, kiam mi estis en Kisanganio.

***Kio estas DKEA?***

DKEA estas Demokratia Kongolanda Esperanto-Asocio. Ĝi aliĝis al UEA kiel landa asocio en la jaro 1963 kaj celas la disvastigon de la internacia lingvo en DR Kongo. Ekde la 5-a de julio de la ĵus pasinta jaro, ĝi ekhavas partneran rilaton kun la Nacia Komisiono por UNESKO.

***Kiuj estas la nunaj projektoj de la konga asocio?***

La nunaj projektoj de la asocio koncernas: a) organizo de la dua Afrika AMO-seminario de UEA, b) starigo de ILEI–sekcio sub gvido de kvin-persona estraro, c) prelego en la ŝtata universitato de Kinŝaso kaj ĉ) fondo de Kultura E-Centro kun tri-lingva biblioteko ZAMENHOF en Kinŝaso. En tiu Centro funkcios sekcioj pri muziko, teatro, turismo, instruado, tradukado, komputilreta salono, ekzemple.

***Kion vi opinias pri Esperanto en DR Kongo?***

En mia hejmlando, DR Kongolando, estas bonaj esperantistoj, sed la limigitaj rimedoj plejofte bremsas la publikan eliron por la lingvo. Krome, estas vera problemo, ĉar la plimulto de kongaj esperantistoj ne scias pri sia devo rilate al Esperanto kaj al la movado. Apenaŭ la homoj kotizas, dum la landa asocio devus funkcii normale surbaze de kotizoj de siaj membroj. La nura jara subvencio de UEA ne sufiĉas por kovri ĉiujn asociajn elspezojn. La luokosto por la oficejo estas 60 usonaj dolaroj monate kaj vi povas mem kalkuli pri jara kosto. La membroj subite aktivemas nur kiam ili aŭdas pri ricevo de mono. Multaj el ili tamen ne scias pri la oficeja luokosto.

***Kio estas unu el la nuntempaj problemoj en DKEA?***

Unu el la plej grandaj problemoj nun estas reciproka fido en la nacia movado. La kongaj esperantistoj malfacile fidas unu la alian. Kiam iu laboras bone, alia ĵaluzas pri tio.

***Ĉu vi volas laste aldoni ion?***

La aktuala stato en DKEA donas seriozan zorgon: post mia vojaĝo al Pollando, kie mi nun studas en la urbo Poznan, la laboroj preskaŭ ne glatas en la asocio. La relanĉo de la landa asocio por bona glatigo de la laboroj urĝas, kaj starigo de kriza komitato sub gvido de esperantisto Jean Bosco Malanda necesas. La sorto de la movado devas nun kuŝi en la manoj ĉefe de s-roj Luns -v Lungikisa Sumbu Jean-Pierre kaj Jean Bosco Malanda. Tiu ĉi lasta pli lertas pri retumado kaj povas valore kaj utile helpi la elirantan prezidanton Luns-v Lungikisa Sumbu Jean-Pierre en la mastrumo de la tuta maŝino de DKEA.

**Intervjuis Babilanto**

## Nova retejo de APETo

Agado por la Progresigo de Esperanto en Togolando (APETo) ekhavas propran retejon antaŭ iom da tempo. Temas pri: www.esperanto-en-togolando.jimdo.com Ĝi fakte estas amatora laboraĵo sed simpla, modesta kaj praktika. La klopodoj fari ĝin pli interesa kaj profesia ankoraŭ daŭras. Bonvenas ĉia kontribuo en tiu rilato.

La nova retejo konsistas el sep subretejoj: Hejmo, APETO, Turisma Servo, Babilanto, Literaturo, Filmoj, Fotogalerio, Afrikaj Proverboj, Rapidaj sciigoj, kaj kompreneble aldoniĝos kelkaj malgrandaj funkcioj por riĉigo de la tuto. La laboro pri konstruata retejo mem iras malrapide pro limigita rimedo, disponebleco kaj ĝenerale pro perturba retkonekto en Togolando.

Longperspektive estas planata havi trilingvan retejon kun la franca (laborlingvo en Togolando), Esperanto kaj Evea-lingvo (unua nacia lingvo en Togolando parolata ankaŭ en najbaraj Ganao kaj Benino).

Subtenan mondonacon oni bonvolu sendi al la UEA-konto "**apto_c**" de APETo.

## Omaĝe al Hans Bakker



Pacon al lia cindro

**H**o, via forpaso disŝiras mian koron,
**A**ero tiel sufoka,
**N**okto tiel peza,
**S**teloj akompanos vian animon.
**B**edaŭras mi vian foriron,
**A**ŭreolo tiel alta,
**K**redo tiel firma,
**K**ulturas vi verdan esperon
**E**n l'afrika tero tiel vasta,
**R**ikolto certe superos tulipon!

**Wu Guojiang el Ĉinio**

## Kiel subteni la revuon BABILANTO?

**Disponigante monon al la revuo, ekz. 10 Eŭrojn aŭ pli. La monon oni bonvolu ĝiri al la konto "apto-c" ĉe UEA.**
**Posta informo al la redaktoro pri la pago rajtigas ricevi ĉiujn numerojn de la jaro.**

Antaŭajn numerojn oni povas elŝuti per la ligilo: www.esperanto-en-togolando.jimdo.com/babilanto
**Memvolan mondonacon oni sendu al la uea-konto "apto_c" de APETo**

**Redaktoro: Adjévi Adjé**
**Poŝta adreso: 06 BP 61807, 06 Lomé-TG Togolando**
**Tel: (+228 ) 90 25 75 49, 22 57 22 80** adjevia@gmail.com adjevia@yahoo.fr